# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

https://translate.google.com/

PLENUMITA 11/08/2016 Ducentokdekdua eldono 11/08/2016 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)



Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Marcel Leereveld**



**SENDATA AL 305.** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Ekstudis pli ol **488,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)



## La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabatojn. 10atm

Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo

Je Sabato la 6,a Aŭgusto venis Roger Springer, John Casey, Eunice Graham, Chris Holliss, kaj Hisasi kaj Ikuko Kitagawa (vizitantoj el Japanujo)



Karaj geamikoj,

Hisasi kaj mi kore dankas al vi pro tre bona renkontiĝo kun kafo kaj eĉ biero!

Ni tre ĝojas renkontiĝi kun vi, Esperantistoj en Manly.

Mi kune sendas memorindajn fotojn.

Bv. transdoni nian saluton ankau al Estimata Junis.(Eunice) Amike, Ikuko Kitagawa





Hisasi Eunice Chris John Roger Ikuko

# Post la Manlia grupa kunveno la japanoj venis al la hejmo de Roger por lunĉi







Kara Roger,
Koran dankon pro via hodiaua bela aranĝo en Manly!
Ni havis tre bonan tempon kun Esperantistoj en Manly kaj kun via edzino en via bela domo. Ni ankaŭ kore dankas al via edzino, Mei, pro bongustaj manĝaĵoj!
Mi kune sendas kelkajn fotojn en via domo.
Amike,
Ikuko & Hisasi

★★★★

## Chris Holliss raportis pri siaj spertoj kun la japanaj vizitantoj

Ankoraŭ vintro okazas Sidnejon sed tia fakto ne ĝenas la Manlianojn ĉar ili sentis printempon per la ĝuinda vizito de Ikuko kaj Hisasi Kitagawa el Kawasaki, Japanujo.

Ili restis en Sidnejo rigardi turistajn vidindaĵojn kaj malkovris belajn lokojn ĉi tie. Do, spite la grizaj ĉieloj ni ĉiuj havis agrablan, amuzan tempon farante bonkolorajn origamajn gruojn--iomete komplika faldado--

Post tiam, Hisasi deklamis kelkajn ravajn kaj kortuŝajn poemojn kiujn li tradukis esperanton. Ties poemoj, verkitaj de Tanikawa Shuntaro, bonekonata kaj populara moderna poeto, videblas en "Beletra Almanako" n-ro23, Junio 2015.

Hazarde en la proksima placo oni starigis japanajn ekspoziciojn kie bona grupo montris ege viglan kaj laŭtan tamburan koncerton. Do tre kulturplena mateno.

La bona etoso daŭris Lundon. Ikuko kaj Hisasi vizitis mian lernejon kaj poste ni manĝis bongustajn kukojn en la QVB, antaŭ ol ili trajniris al la flughaveno.



Ĝis la revido!
Chris Holliss



## ESPERANTO-DOMO SIDNEJO

Anoj kunvenas la unuan Dimanĉon je la monato Je la 11a horo estos aferkunveno. Je la 1ptm estos lunĉo kaj amuzkunveno.



**Al la lasta kunveno Dimanĉon. Je la 7.a de Aŭgusto venis 12 homoj inkluzive de niaj gastĉambraj gastoj Ikuko kaj Hisasi kiuj skribis--**

Kara Roger, Dmitry, kaj Nicole
Koran dankon pro ĉio, kion vi zorgis por ni!
Ni tre ĝuis la restadon en Sydney kun vi Esperantistoj kaj ankaŭ vizitado al diversaj interesaj lokoj.
Mi tre ŝatas la urbon Sydney. Mi forte deziras ree viziti Esperanto-domon!
Mi kune sendas fotojn de hodiaua amuza renkontiĝo. (Vidu sube)
Bedaŭrinde ni ne povas uzi Wifi en Esperanto-domo, do, eble en iu restoracio aŭ.en flughaveno mi sendos tiun ĉi mesaĝon.(nun mi skribas ĉe la stacio Central!)
Transdonu nian Elkoran Saluton al chiuj homoj, kiujn ni renkontis en Esperantujo en Sydney!
( Morgau ni renkontiĝos kun Chris el Manly ĉe QVB.)
Koran dankon!
Certe Ĝis revido!
Amike,
Ikuko kaj Hisasi







Ikuko prezentis japanan paperfaldadon



# Bonvolu ne stultigi Esperanton!



Kion vi pensas pri homo, kiu publike reklamas, ke la gramatikaj reguloj de Esperanto ne havas esceptojn, kaj kiu samtempe enkondukas aŭ uzas esceptojn al la gramatiko de Esperanto? La vorto hipokrito eble estas tro forta, sed la karakteraĵo malhonestulo almenaŭe konvenas. Kompreneble, ju pli sperta kaj influhava tia Esperantisto estas, des pli nehonesta, sed ĉar Zamenhof donis sian lingvon al ĉiuj kiuj ĝin lernas kaj uzas, ĉiuj tiaj estas certograde respondecaj pri Esperanto kaj pri la ĝusta uzo de Esperanto. Ne decas kulpigi nur la eliton de la Esperantistaro.

Pro tio mi ne uzas la de la nehonesta aŭ nekapabla Akademio de Esperanto sankciitan neologisman sufikson "-i-" por landoj, anstataŭ la de Zamenhof kreita sufikso "-uj-". Mi ne rajtus kritiki la uzantojn de "-i-" nek fanfaroni al ne-Esperantistoj pri tio, ke nia lingvo ne havas nenecesajn esceptojn, ĉar la sufikso "-i-" enhavas esceptojn al pluraj reguloj.

La uzo de la sufikso "-i-" por landnomoj estas kontraŭ la spirito de Esperanto pro la jenaj tialoj: Unue ĝi estus la sola sufikso konsistanta el nur unu litero, "-i-". Ne estas hazardo, ke Zamenhof evitis tiajn sufiksojn. Sufikso de unu litero egalus al finaĵo de unu litero. La sufikso "-i-" egalus al la finaĵo "-i-" por la infinitivoj. Praktike tiu escepto ankoraŭ ne donas tro da malfacilaĵoj, sed en la estonteco Esperanto povos kaj rajtos disvolviĝi tiel ke la finaĵoj uzatos pli memstare, ĉar Zamenhof decidis, lerte, ke la finaĵoj en Esperanto havas sian propran signifon kaj sendependecon, kvazaŭ ili estas radikoj.

Alia tialo por ne permesi sufikson "-i-" estas, ke 'gi estus nenecesa neologismo por jam ekzistanta sufikso "-uj-", kaj ĝi do polucius nian lingvon. Krome la uzado de la Zamenhof'a sufikso neniam kreis miskomprenojn.

Kaj la plej forta, scienca, tialo por ne uzi "io" anstataŭ "ujo" estas la jena. Ĉar en Esperanto la afiksoj estas majstre memstaraj radikoj, ni povas uzi ilin por pluformado de vortoj. Ekzemple el la prefiksoj "dis" kaj "pra" oni faras la vortojn "disa" kaj "praulo", kaj el la sufiksoj "ej" kaj "an" oni faras la vortojn "ejo" kaj "anaro". Tiu ebleco estas senescepta en nia lingvo. Estus krimo kontraŭ Esperanto kaj kontraw nia inteligento fari unu nenecesan escepton al tiu regulo. Ni ja devus fari tiun escepton, se ni uzus la nebezonatan "-i-" por landoj, do se ni kreus novan sufikson "-i-" kun la escepto, ke pluformado ne permesiĝu, kiu pluformado eblas ĉe ĉiuj aliaj dekoj da afiksoj. Ĝi ja rezultus en pluformiĝon de la vortoj io, ia, kaj ie, kiuj vortoj jam ekzistas en Esperanto kun tute aliaj signifoj. Ni kreus esceptojn. (Notu ke "io" signifus "lando", kaj "ia" "de la lando", kaj "ie" en "Mi vojaĝis tutie").

Krome la uzo de la sufikso "-i-" por landoj plimalfaciligus la lingvon, ĉar oni ne plu certus, ĉu ekzemple Indonezio estas radiko kaj enhavas indonezianojn aŭ ĉu la "i" estas sufikso kaj la enloĝantoj estas indonezoj. Same ĉu Kolombio havas kolombianojn aŭ kolombojn? Same ĉu Pilipinio havas pilipinojn aŭ pilipinianojn kaj ĉu Ĉilio havas ĉilojn aŭ ĉilianojn?

Ni do ne stultigu Esperanton por savi unu literon, en la plenescepta "io" por la Zamenhof'a "ujo". Krome: Kiu kuraĝus ŝanĝi, pro gusto, vortojn de sia etna lingvo? Ekz. "piss" to "poss"?

Marcel Leereveld.

Eĉ malgranda raporto suficas por reklami vian klubon kaj montru ke ĝi ekzistas.
Sendu raportojn al AE pri via klubo. rogerspringer@tpg.com.au

# NOVA LIBRO



Mi ĵus ricevis tiun libron, ĉar mi estas unu el la provlegantoj. La Melburna Esperanto-Asocio kaj Daniel Kane finance subtenis la eldonon de tiu libro pasintjare.

Amike, Nicole

